


# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)




## EN LA NUMERO:

PLURLINGVECO KAJ KOMUNIKADO

DUA INTERNACIA KINO-FOTO-FESTIVALO

ALPAROLO EL "ESPERANTO AKTUELL"

POEZIO

TRA LA E-AMASKOMUNIKILOJ

E-PERIODAĴOJ EN KATALONIO

AKTUALAJ SCIIGOJ

JARO • 27 • 1988 N-RO 3

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

PREZIDANTO - Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio ORF, poŝtfako 700, A-1041 WIEN Aŭstrio

VICPREZIDANTO - Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. Bororvo bl.219, vĥ. B, BG-1680 SOFIO, Bulgario

ĜENERALA SEKRETARIO - Donĉo Ĥitrov, str. Ĥan Asparuh 61 BG-1000 SOFIO, Bulgario, tel.: 88-30-82

SEKRETARIO-KASISTO POR OKCIDENTAJ LANDOJ - D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, CITADELA (Padova), Italio

ESTRARANOJ:

Lech Kosieniak, ul. Piekna 16 b/9, PL-00-539 WARSZAWA, Pollando

Joachim Schulze, Ringstrasse 71, DDR-7010 LEIPZIG, GDR

Vasilij Stanoviĉ, str. Samborska 78, kv. 34, 293720 DROGOBIC, Lvovskaja oblast, Sovet-Unio (5614)

Stanko Marĉek, Red. "Esperantisto Slovaka", Sobotské nám. 6, CS-058 01 POPRAD, Ĉeĥoslovakio

Evgeni Georgiev, str. Baĉo Kiro 35, II, BG-1202 SOFIO, Bulgario

Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro - Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 SOFIO, kv. Bororvo bl.219, vĥ.B, Bulgario, tel. 56-58-77

KOREKTIS: Rumjana Georgieva

E N H A V O de n-ro 3-1988:

Plurlingveco kaj komunikado 1

Nikolaj Danovskij (nekrologo) 3

Dua Internacia Kino-Foto Festivalo.................... 4

Alparolo de la respondeca redaktoro de"Esperanto Aktuel" (FRG).................... 6

La mankanta ligo en realigo de malarmado kaj evoluigo....... 7

Poezio: Kiel dormas infanoj..12

Tra la E-amaskomunikiloj.....13

E-periodaĵoj en Katalunio....14

Aktualaj sciigoj.............15

Sur la unua kovrilpaĝo: Emblemo de la 73-a Universala Kongreso de Esperanto en Roterdamo, Nederlando

PLURLINGVECO KAJ KOMUNIKADO

Vi certe konsentos, ke la problemo de konservado kaj firmigo de la mondpaco, disvolvo kaj fortigo de kompreno inter la popoloj estas unuavicaj inter la akraj problemoj de la nuntempo.

Lige kun tio mi dezirus rimarki, ke unu el la gravaj tutmondaj problemoj estas tia aspekto de perfektigo de interkompreno, kiel venko de lingvaj malfacilaĵoj de la komunikado. Ĝenerale dirante, tiaj demandoj, kiel "lingva komunikado", "lingvo kaj socio" - kiuj rekte influas ankaŭ la nunan situacion kaj perspektivon de Esperanto, diskutataj hodiaŭ - okupas videblan lokon en la marksisma scienco.

La kreinto de la multnacia kaj multlingva soveta ŝtato, Vladimir Iliĉ Lenin, ellaborante nacian politikon, menciis, difinante nacion: "Nacio estas ne kultureca, ne sorteca, sed lingva komunaĵo" (Plena Verkaro de Lenin, XXIV-a vol.p.388). Tio estas, ke por la nocio "nacio" tre grava estas la lingva komuneco, eĉ pli grava ol komuneco de kulturo kaj komuneco de historia sorto.

En alia verko kaj pri alia demando Lenin atentigis la legantojn, ke "ne eblas vivi en la socio kaj esti libera de la socio" (XII.vol.p.104). Ĉi tiu ideo rilatas ankaŭ al ĉiuj lingvoj de la homaro, kiuj, parolate en la socio, nepre dependas de la kondiĉoj, en kiuj ekzistas la socio mem, de ĝia nivelo de disvolviĝo, de la homoj parolantaj siajn gepatrajn lingvojn.

Grandega estas la rolo de la konscia homa faktoro en la kreo de monda ordo, inda je la planedo, sur kiu ekzistas la vivo, sur kiu ekzistas la homaro. Grandega estas la rolo de la konscia faktoro en la kreo de ĉiu kulturo, kaj sekve, de la lingvo, kiel kulturhistoria fenomeno.

Konsekvenco de la profunda reciproka ligo de la nocioj "internacia lingva komunikado" kaj "konscia homa faktoro" estas la fakto, ke realan kontribuon por solvado de lingvaj malfacilaĵoj en komunikado strebas fari ĉiuj socioj, ĉiuj kontinentoj.

En 1977, la Ĝenerala Sekretario de Unesko, Amadu Mahtar M'Bow, notis en sia verkaĵo "Pri la

respekto de diverseco de la kulturoj kaj pri la vojoj de ties kunproksimiĝo": La obstakloj sur la vojo al observo de la rajto pri la komunikado, antaŭ ĉio - la lingvaj baroj - estas en la centro de la nuntempa komplekso de la mondaj problemoj.... (kaj plie)..... ĉiuj lingvoj estas egalaj kaj je siaj bonaĵoj, kaj kiel komunikiloj, eĉ se ekzistas diverseco en ilia disvastiĝo. Neniu el ili estas tutmondskala je sia naturo; ĉiu estas siaspeca spertaĵo, unika paŝo en la progreso de la homaro". La konkludo de M'Bow estis la jena: "Por ke la rajto pri la komunikado estu uzebla enkadre de egalrajta kunlaborado inter la nacioj, necesas agnoski la rajton pri la diverseco de la kulturoj".

La nunan staton de la problemo pri la venko de la malfacilaĵoj de la lingva komunikado pririgardis en 1982 en sia verkaĵo (Lingvaj baroj kaj nova internacia ordo de informinterŝanĝo) fakulo pri la problemoj de lingva politiko, Masmudi (Tunezio): "La angleparolantoj estas tre kontentaj pro la daŭra kresko de la disvastiĝo de sia lingvo, kaj ne intencas kontribui al disvastigo de influsfero de iu alia lingvo, kiu povus ĝeni la anglan. La franceparolantoj, kontraŭe, estas malkontentaj pro la monda disvastiĝo de la angla lingvo, kaj ĉiuj rimedoj, certigantaj la tradician privilegian lokon de ilia lingvo en la internacia komunumo, estas bonaj por ili. Fervoras pri konservado de siaj nacilingvoj la rusa kaj la aliaj slavaj popoloj, germanoj, japanoj, ĉinoj - la nacioj, kiuj okupas unuajn lokojn en diversaj terenoj. Siavice, ankaŭ la araboj, ekkonsciintaj la tutan seriozecon de la problemo, opinias, ke lia lingvo, agnoskita kiel la sesa internacia lingvo, retrovas siajn antaŭe perditajn poziciojn."

Kio do estas proponata? Masmudi daŭre klarigas: "Anstataŭ konvinki la mondan publikan opinion pri la neceso komenci internacian pridiskutadon de la lingva problemo kaj proponi kiel unu el la memvideblaj solvoj - ideon de helpa universala lingvo, pluraj interlingvistoj insiste metadis kaj metadas proponojn, kiuj ne povis trovi vastan subtenon en la mondo". Konklude li proponis la jenon: "Se ni konsideras, ke la solvado de tiu problemo ne estu lasata al la volo de la sorto, - kaj ĝuste

kun ĉi tiu situacio ni nun estas devigitaj paciĝi –, ... necesas fari proponon al la oficoj de la Unuiĝintaj Nacioj tre ekzakte okupiĝi pri la demando de la uzado de la internaciaj lingvoj por difini novajn alternativojn".

Vitalij VERIGIN (Moskvo)

(Daŭrigo sekvas)

## NIKOLAJ F. DANOVSKIJ

Nia kara Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj nia ŝatata presorgano "Internacia Ĵurnalisto" perdis por ĉiam sian plej fidelan bonkvalitan membron kaj ageman kunlaboranton Nikolaj F.Danovskij. Tian valoran esperantiston, sciencistonn, publiciston kaj aktivulon de TEĴA kaj de nia presorgano malfacile ni povus trovi.

Li naskiĝis en la belega nigramara urbo Odeso en 1905 jaro. La diligenta, saĝa kaj kapabla knabo finis superan pedagogian studon, poste fariĝis diplomita inĝeniero, finis en Moskvo matematikan fakultaton kaj fremdlingvan instituton(kurso pri rusa-angla traduko). La scivolema infano komencis studi ankaŭ aliajn lingvojn – li scipovis ukrainan, rusan, polan, latinan, germanan, francan, italan, litovan kaj aliajn lingvojn. Jen kia poligloto kaj erudito estis nia karmemora Nikolao.

Danovskij laboris kiel inĝeniero-konstrukciisto kun famaj sciencistoj kiel Mikulin, Tumanskij, Klimov. Instruis en superaj lernejoj, ankaŭ en la Aviada Akademio "N.J.Ĵukovskij". Kvin jarojn kiel majoro-inĝeniero li batalis kontraŭ la hitler-faŝismaj barbaroj kaj militarisma Japanio. Post la milito multajn jarojn li laboris en la Granda Soveta Enciklopedio. Krome – li estis malnova kaj perfekta esperantisto kaj ekde 1925 aktivis en Esperanto-komitatoj kaj organizaĵoj. Pri la aktivado de Danovskij kiel fondinto kaj membro de la estraro de TEĴA kaj redakciano de "Internacia Ĵurnalisto" niaj kolegoj estas bone informitaj. Per siaj proponoj kaj konsiloj li multe helpis por la plifirmigo de nia TEĴA kaj "IĴ". Kaj kiel interesaj estas liaj es-

eoj, artikoloj, por- kaj priesperantaj, profundaj de enciklopedia vidpunkto - legataj kun granda intereso de niaj abonantoj pro iliaj sciencaj problemoj kaj pro ilia bonega Esperanta lingvaĵo kaj stilo. Kaj kia homo kaj esperantisto li estis! Kelkfoje mi renkontiĝis kun li en Moskvo, Rigo, Sofio. Nia korespondado estas grandega. Li estis ankaŭ granda E-poeto. Kian mirindan esperantiston, membron, aktivulon ni perdis, bedaŭrinde. Sed ni ne forgesos lin kaj speciale mi kaj mia familio.

Iv.KEREMIDĈIEV-ESPEROV

---

DUA INTERNACIA KINO-FOTO FESTIVALO

Ĉarma enmontara urbo Vraca denove estis gastiganto de esperantista iniciato. De la 10a ĝis la 15a de oktobro 1988 tie okazis Dua Internacia Kino-Foto Festivalo Esperantista, organizita de bulgara ILEF-sekcio kaj E-societo "Sukceso", sub aŭspicio de la urbestro de Vraca.

La solenan inaŭguron de la Fe-



Subĉiela fotado

stivalo ĉeestis reprezentantoj de la nacia gazetaro, de sociaj kaj kulturaj organizaĵoj; salutparolis la vicurbestro kaj la prezidanto de la sindikata organizaĵo ĉe ĥemia uzino, en kies kulturdomo okazis la aranĝo. Post la inaŭgurparolado de la prezidanto de ILEF Donĉo Ĥitrov la partoprenantoj spektis la filmon "Esperanto". Sub titolo "Por paca mondo, pura ĉielo kaj amikeco" estis inaŭgurita belega foto-ekspozicio, kiun partoprenis 37 fotistoj-esperantistoj el Belgio, ĈSSR, Francio, FRG, GDR, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Nederlando, Pollando, USSR, Usono kaj Bulgario.

Dum la kvin festivalaj tagoj estis spektitaj pli ol 20 filmoj, dek serioj da lumbildoj, okazis pridiskutoj de la projekciitaj konkursaĵoj.

La belega vetero kaj la ora montara aŭtuno ebligis al la partoprenantoj fari multegajn fotaĵojn. Agrabla surprizo estis la vizito de ensemblo por popolaj kantoj kaj dancoj ĉe meza artlernejo "Vasil Vodeniĉarski" kun gvidanto Rosica Gospodinova.

La lasta tago estis dediĉita al du emociigaj eventoj: la unua estis la duontaga ekskurso al groto "Ledenika", kie la fotistoj ricevis specialan permeson foti ene kaj la dua estis la premiigo de la plej bonaj konkursaĵoj, kiu okazis vespere en la Domo de la batalantoj kontraŭ la faŝismo.

La grandajn premiojn "Arĝenta kolombo" oni aljuĝis al José Fernandez Arroyo (Hispanio) pro lia filmo "Ĉarmaj Rodopi" (sekcio "Kino"), al docento Kiril Velkov pro serio de lumbildoj (sekcio "Lumbildoj") kaj al Sofia Kinofoto klubo "Verda objektivo" pro la bonega sinprezento de ĝiaj membroj en la fotoekspozicio (sekcio "Foto"). En sekcio "Magnetofono" premioj ne estis aljuĝitaj. Krom la ordinaraj I, II, III-a kaj kuraĝigaj premioj estis disdonitaj ankaŭ specialaj premioj de la urbestro, de Komsomolo, de la Sindikatoj, de E-societo "Sukceso" kaj de la prezidanto de ILEF.

Dua Internacia Kino-Foto Festivalo Esperantista finiĝis. Restis nur la faritaj fotoj - memoraĵoj pri la bonege kaj utile pasigita tempo en belega urbo Vraca, ĉe gastamaj esperantistoj el societo "Sukceso".

Ĝis la Tria Festivalo, karaj ILEF-anoj!

Veneta BALEVA,
sekretario de ILEF

ALPAROLO DE LA RESPONDECA REDAKTORO DE "ESPERANTO AKTUELL", ORGANO DE GERMANA E-ASOCIO
n-ro 3, junio 1988

Karaj legantoj,

Dum la jarĉefkunveno de GEA, kiu okazis kadre de la Germana Esperanto-Kongreso antaŭ preskaŭ du semajnoj (vi trovos en tiu ĉi numero kelkajn paĝojn da raportoj pri la kongreso), la prezidanto de nia asocio, komentariante la jar-raporton de la estraro, diris interalie (ne laŭvorte, sed laŭsence): "Se mi kiel prezidanto de GEA pro streĉo kaj troŝarĝo en mia profesio ne povas dum unu-du monatoj labori por la Asocio, preskaŭ neniu tion rimarkas (krom miaj kolegoj en la estraro), sed kiam okazas la sama afero al la redaktoro de nia revuo, la tuta membraro ekkrias: ĉu nia revuo ne plu aperas?" Aŭdante tiun frazon, mi kapjesis kaj tuj pensis, ke jen frazo citinda en iu el la venontaj numeroj de nia revuo, ĉar pravis la prezidanto, kiam li elbuŝigis tiun vere saĝan frazon. Legante certajn Esperanto-revuojn, organoj de Esperanto-asocioj en kelkaj orienteŭropaj landoj, mi ofte sentas envion, ĉar iliaj redakcioj kutime konsistas el pluraj redaktoroj, el kiuj kelkaj eĉ profesie faras tiun laboron - kia diferenco kompare kun ni, ĉar ĉe ni tiajn laborojn oni povas fari nur ekster profesie, post pli malpli streĉa labortago. Sed dirante tion, mi ne volas lamenti, mi volas nur atentigi vin, ke pro la menciitaj kaŭzoj la aperritmo de la revuo ne ĉiam povas akurate kongrui kun la precizo de la kalendaro. Kompreneble, mi ĉiam klopodos konservi la ĝustan aperritmon.

Dum la kongreso oni kelkfoje demandis min, kiu estas la plej malfacila parto de mia redaktora laboro. Nu, tiu plej malfacila parto komenciĝas, kiam mi, entajpinte en la komputilon ĉiujn materialojn aperigotajn en la sekva numero, devas enpaĝigi la tajpitaĵon. Ĉar la paĝnombro devas esti dividebla je kvar (pli bone, por la presisto, je ok), estiĝas problemoj, se, post la finredaktado, evidentiĝas, ke mi havas ekz. 29 paĝojn. Kion fari? Mi devas nun aŭ forigi unu paĝon (kiun? ĉu ĝi est-

os ankoraŭ aktuala, se ĝi eble aperos nur en iu posta numero?) por ke mi havu 28 paĝojn, aŭ mi devas - kiel oni diras en la germana - elmanikigi pluajn 3 paĝojn, por ke la paĝnombro estu 32. Alia ebleco estas, ke mi manipulas per la interlinea spaco kaj liter-grando por atingi la konvenan paĝnombron. Tiun kelkfoje tre komplikan proceedon mi kutime preferas, kaj tial la interlinia spaco kaj la litergrando ofte ŝanĝiĝas de paĝo al paĝo. Mi scias, ke kelkaj legantoj tion ne ŝatas, sed kion fari? Eble ĉi tiu teknika detalo el la redakta laboro montras, ke por la redaktoro ekzistas ankaŭ aliaj problemoj ol la nura enhavo de la revuo, kvankam la enhavo kompreneble estas la plej grava. Ke ĝi ankaŭ en tiu ĉi numero estu interesa por vi, karaj legantoj, esperas

Andreas LUDDEN

Noto de "IJ": Kuraĝe antaŭen, kara kolego Ludden. Multaj redaktoroj de E-periodaĵoj renkontas similajn malfacilaĵojn, ankaŭ "IJ".

---

LA MANKANTA LIGO EN REALIGO DE MALARMADO KAJ EVOLUIGO

La espero pri malarmado tuŝas la plej altajn aspirojn de la homaro: paco, nutraĵo, justeco - vojoj por atingi ilin eventuale tamen malfermiĝos. La Generala Asembleo, konscia pri la populara deziro, rekomendis, ke la Tria Speciala Sesio pri Malarmado konsideru la rilaton inter malarmado kaj evoluigo.

Realiĝo de la planoj por atingi tiujn celojn dependus de kunlaboro inter ĉiuj niveloj de la socio: alfabeta analfabeta, princoj kaj povruloj, potencoj kaj popoloj.

- Antaŭkondiĉo de kunlaboro estas komunikado
- Antaŭkondiĉo de komunikado estas lingvo, kiu kondukas al kompreniĝo.

La celo de tiu ĉi referaĵo estas atentigi pri malforto en la komunikado de ideoj, kiun oni malofte priatentas.

Ni konscias, ke la urĝo de agado fortiĝas. Inter la faktoroj estas la jenaj:

Nia mondo nun havas pli ol kvinmiliardojn da homoj.
Tri miliardoj estas malriĉaj.
Du miliardoj ne scias legi kaj skribi.
Ni uzas pli ol 3500 lingvojn por komunikiĝi.
Ni estas specio endanĝerigata.

Evidente, ni, la simplaj homoj, per potenca voĉo, devas premi niajn registarojn, ke ili respondece elektu la vojon antaŭen.

Komunikado estas centra elemento en la ligo inter malarmado kaj evoluigo. Certaj aspektoj de internacia komunikado, tamen, prezentas diversajn problemojn, kiuj postulas nian atenton.

La Raporto MacBride, en 1980, aŭspiciata de la Ĝenerala Konferenco de Unesko kaj traktanta komunikajn politikojn, asertis, ke la celoj de evoluigo estas ligitaj kun edukado kaj komunikado. Ĉar la ĉefa konsidero estas la homoj mem, komunikado interhoma estas fundamenta en la kvalita plibonigo de la homa vivo kaj homaj socioj. Senperaj rilatoj de la homoj en komuna spertado kaj interŝanĝo de pensoj kaj sentoj tra komuna lingvo konsistigas la esencon de la bazaj institucioj de la socia vivo.

La Raporto, kies signifoplena titolo estas Multaj voĉoj, unu mondo, levas la esencan demandon: Kiel homoj de diversaj lingvoj povas paroli unu al alia? Kvankam la Raporto akceptas plurlingvismon kiel "allogan solvon, verŝajne la solan realisman solvon en multaj landoj", ĝi aldonas:

"Tamen, la disvastigo de unu simpla, universala lingvo, komprenebla kaj alirebla fare de ĉiu persono, povus ankaŭ fortigi nacian kunligitecon kaj rapide malkonstrui la barilojn al komunikado inter malsamaj popoloj".

Evoluantaj landoj aparte bezonas efikan interŝanĝon de spertoj per regiona kaj internacia kunlaboro. La celo de internaciaj konferencoj estas dividi ideojn inter fakuloj kaj faciligi kunlaboron inter partoprenantoj trans landlimoj.

Dum periodo de malarmado, ekonomia konverto kaj evoluigo, tiaj formoj de civilizita kolektiva agado estas nemalhaveblaj. Tamen, ĝuste en tiaj asembleoj neatendata diskriminacio ekestas, en formo, kiu povas obstakli evoluigon kaj malarmadon.

Landoj, kies lingvoj estas oficialaj en tiuj konferencoj, povas elekti siajn plej alte kvalifikitajn fakulojn. Aliaj nacioj devas

elekti siajn fakulojn precipe surbaze de ilia kompetento en la aficiala lingvo, ne laŭ la faka kompetento. Tia diskriminacio kondukas al malaltiĝo de kvalito kaj mistordo de la debato.

Tiaj problemoj estas superebl-aj, kiel sugestas la Raporto MacBride, per uzo de "unu simpla, universala lingvo, komprenebla kaj alirebla fare de ĉiu persono".

Aktuale, la komputilistoj eltrovis la realecon de Esperanto, pro ĝia regula gramatiko, kiel ponto-lingvo en maŝintradukado. En la evolulandoj oni rekonas la bezonon traduki molaĵojn en la lokajn lingvojn.

Ĉar Esperanto ne estas parto de la tradicia politika potencostrukturo, ĝi povas roli kiel unuigilo por ĉiuj homoj; krome, ĝi povas roli precipe kiel voĉo de la evoluanta mondo kaj plenumilo de la dialogo Nordo-Sudo.

Universala Esperanto-Asocio jam multajn jarojn utiligas sian tutmondan gazetaron, kiu nun atingas 103 landojn, por raporti pri tiuj aspektoj de malkoloniigo, evoluigo kaj malarmado, kiuj rilatas al la lingvaj problemoj, kiuj malhelpas efikan kunlaboron inter la popoloj. Krome, UEA ĉiujare organizas Universalajn Kongresojn, kaj aperigas studojn pri diversaj temoj, kiuj proksime kongruas kun la celoj de Unuiĝintaj Nacioj, kaj rilatas al tiuj plej grandaj demandoj de homaj rajtoj, kiujn influos tiu ĉi Prepara Komitato.

En novembro 1985, la Ĝenerala Konferenco de Unesko esprimis seriozan pritakson de Esperanto, notante en rezolucio ĝiajn atingojn. Interalie, la Rezolucio:

"Petas la Ĝeneralan Direktoron daŭre sekvi kun atento la evoluon de Esperanto;
Invitas la Ŝtatojn-Membrojn marki la centjariĝon de Esperanto... kaj instigi al la enkonduko de studprogramo pri la lingvo-problemo kaj pri Esperanto en siaj lernejoj kaj siaj institucioj de supera edukado;
Rekomendas al la internaciaj neregistaraj organizaĵoj... pristudi la eblecon utiligi Esperanton kiel rimedon por disvastigi inter siaj membroj ĉiajn informojn".

Kvankam oni povas lerni Esperanton ene de cent horoj da studado por ĉiutaga uzo, ĝi tamen akiris sian skriban kaj literaturan tradicion, kaj aktuale ĝi

estas uzata en diversaj sciencaj konferencoj, kaj en pretigo de terminaroj kaj lernolibroj por uzo en evoluantaj landoj.

La ĉefa organizaĵo, kiu pledas por utiligo de Esperanto, estas Universala Esperanto-Asocio, neregistara organizaĵo kun konsulta statuso kun la Ekonomia kaj Socia Konsilio de Unuiĝintaj Nacioj kaj kun Unesko. UEA, kies sidejo estas en Roterdamo, celas antaŭenigi Esperanton kiel la neútralan, internacian helplingvon. Temas pri du ĉefaj celoj: 1. venki la lingvajn barojn al internacia komunikado kaj kompreniĝo; 2. konservi la etnajn lingvojn kaj kulturojn.

Ni invitas la Ŝtatojn-Membrojn, la Preparan Komitaton kaj la internacian komunumon de neregistaraj organizaĵoj esplori la esencon kaj implicojn de la Rezolucio de Unesko. Por nin unuecigi, ni bezonas duan lingvon por ĉiuj personoj. Esperanto konsistigas la mankantan ligon.

Perez de Cuellar pri Esperanto

La novjorka oficejo de UEA informas, ke en la gazeto de la flugkompanio Alitalia (Ulisse 2000) aperis intervjuo kun Perez de Cuellar, ĝenerala sekretario de Unuiĝintaj Nacioj (UN); li proponas fascinan alrigardon al la lingva situacio en la mondo kaj specife en UN. Oni buĝetis 67.142.000 usonajn dolarojn ĉijare por tradukado, interpretado kaj konferencaj servoj en la sekretariato de UN. "Nuntempe nia oficejo uzas 266 konstantajn interpretistojn kaj 437 konstantajn tradukistojn por la ses oficialaj lingvoj". En la mondo ĝenerale "ekzistas lingvaj baroj, kiuj malhelpas la malfermitan interŝanĝon de ideoj kaj tekniko inter la diversaj nacioj de la mondo, sed la nombro de la lingvoj ne estas vera problemo en la kadro de la internacia komunumo". Perez de Cuellar opinias pri la Internacia Lingvo jene: "Mi ne plu konsideras Esperanton praktika solvo. Tiuj popoloj, kiuj parolas lingvojn sen latina bazo, havus multajn malfacilaĵojn por kompreniĝin".

Tiu deklaro estas, vere, apenaŭ kuraĝiga. Tamen montriĝas, ke la ĝenerala sekretario de UN, apenaŭ estas informita pri la funkcianta Esperanto-komunumo, kiun konsistigas plejparte esp-

erantistoj, kies gepatra lingvo ne estas latinbaza: inter la plej fortaj regionoj de la movado ni trovas la slavan teritorion (Pollando, Bulgario, Sovetio, Jugoslavio); la plej granda parolantaro de Esperanto estas nuntempe verŝajne en Ĉinio, Japanio kaj Koreo; la lingvo estas aparte populara en Irano; ankaŭ en Hungario koncentriĝas esperantistoj. Do, tiu timo de la ĝenerala sekretario de UN estas senbaza.

Tiu ekzemplo montras klare, kiom gravas la informado al la neesperantista mondo, kiom gravas dialogoj, kiuj povos transformiĝi fine en kunlaboron. Ja la gravajn decidojn ne ni, esperantistoj, faros, sen ni (sen nia kontribuo) oni ne faros favorajn decidojn pri Esperanto.

Frederico Mayor pri Esperanto

La ĝenerala direktoro de Unesko, Frederico Mayor, en la letero de la 24a de aprilo, respondis al la bonveniga mesaĝo de Universala Esperanto-Asocio okaze de lia elektiĝo kiel la nova gvidanto de Unesko. "Viaj esprimoj de subteno kaj via apogo de la universala celaro de Unesko estas tre kuraĝiga - skribis Mayor -, kaj mi antaŭĝuas la evoluigon de kunlaboro kun via Asocio... Per vastigo de kunlaboro kun neregistaraj organizaĵoj kun la internacia rekono kaj sperto de via Asocio ni povos fortigi niajn klopodojn je la servo de la internacia komunumo".

Kion aldoni? Brave! Ankaŭ ni antaŭĝuas la kunlaboron.

Referaĵo de UEA prezentita al la Prepara Komitato por la Tria Speciala Sesio de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj pri Malarmado, 1988

El "Budapeŝta Informilo", 10/1988

---

BERNARD GOLDEN PRAVAS

En "La Brita Esperantisto", n-ro julia-aŭgusta j.k. aperis sur p.411-2 propono por nova periodaĵo: "Literaturaj kaj Artaj Komunikaĵoj". Sur la du paĝoj la eminenta esperantisto ankoraŭfoje bone motivite pledas pri la neceso ke oni kreu kaj eldonu tian novan periodaĵon. Ĝi ne devas ripeti la iaman "Literatura-n Mondo-n", nek la nunan "Fonto-n" (kaj ĝi estas necesa), sed tiu nova periodaĵo estu faka revuo. Mi aprobas tian revuon. La motivojn pri ĝi bonvolu legi en "La Brita Esperantisto".

Iv.ESPEROV

# POEZIO

## KIEL DORMAS INFANOJ

/Laŭ latva poeto Maris ĈAKLAJS/

Rigardu nokte, hazarde rigardu nokte:
dormas infanoj tiel,
ke fariĝas neebla milit'.

Per manoj ĉirkaŭbrakinte
timemajn leporetojn, sentimajn ursetojn,
etendiĝinte, en la plej nekredeblaj pozoj
dormas la infanoj.

La rideto de l' forpasinta tag'
aŭ estonta dolor'-kiu scias!
Sed kaŝiĝas sur lipoj birdeto -
la teneraj flugiloj de l' dorma trankvil'.

Tiel fidoplene dormas la infanoj,
ke fariĝas neebla milit'.
Iu ajn milit'.

Kaj tiel
eĉ pli terura estas
ĝia ebleco.

Esperantigis: Nadija ANDRIANOVA
/Kievo, USSR/

## TRA LA E-AMASKOMUNIKILOJ

Pri la senhejmaj esperantistoj - pri tiu problemo skribas ankaŭ "Esperanto" de UEA. S-ro G.Grattapaglia (Brazilo) rajte notas, ke en la evolulandoj estas konstanta manko de dignaj loĝejoj por la granda plimulto de homoj. Li mencias, ke ankaŭ en Brazilo estas sama situacio.Sed la rekomendita de li solvo estas ne tiel facile kuraciga per la malmultekostaj rimedoj, per kiuj la malriĉuloj, laŭ la principo de la Edukā Institucio "Bona Espero" en Brazilo, povas solvi siajn loĝkondiĉojn. Aperas la demando: se al la ceteraj malriĉuloj mankas "malmultekostaj rimedoj", ĉu ili restu vivi sen sufiĉe da nutrado, vestaĵoj, instruado kaj en pluva sezono, vivi en pajlaj kabanoj en "simbiozo kun porkoj kaj kokinoj".

Pri la kunlaboro kun MPK. Ni turnu alian paĝon de "Esperanto", n-ro 987 (3) ĉi-jara. Sur paĝo 56 estas supre rubriko "Reagoj". Sub ĝi estas artikolo titolita "Kunlaboro kun MPK - ĉu riska por nia neŭtraleco?" En ĝi la aŭtoro Eskil Svane (Francio) komencas sian artikolon tiel:"Leginte la decembran numeron de Esperanto (p.212-3) mi timas, ke UEA riskas forlasi sian ĝisnunan neŭtralecon pere de sia formala interkonsento kun Monda Pac-Konsilio (MPK)..."..."..ĉar la tuta programo de MPK - interpretata "socialisme" (sampaĝe)" - estas klare politika kaj ligita al la orient-eŭropa koncepto de "paca kunekzistado".

Sed en la suba artikolo "Ne, ĉar ni celadas diskutigi ĉiujn flankojn" la redaktoro de "Esperanto" Mark Fettes rajte kaj konvinke kontraŭstaras al la supra opinio de s-ro Svane. S-ro Fettes (eksa diplomato) detale klarigas, ke temas pri interkonsento de UEA kun MPK, sed ne pri jura kontrakto. UEA povas kunlabori kun aliaj gravaj arganizaĵoj kie ĝi pledos por Esperanto kaj por egaleco, demokrateco, respekto al homaj rajtoj. Ne estas realisme supozi,..." ke ĉiu aludo al "paco" celas iun unuflankan, partiecan interpreton trudatan al UEA..."

Kompreneble,ĉiu vera esperantisto akceptos kiel justajn la konvinkojn de la redaktoro M.Fettes.

I.K.

## E-PERIODAĴOJ EN KATALUNIO

En Katalunio la E-revuo kun plej longa kaj riĉa historio kaj kun plej granda publiko estas "KATALUNA ESPERANTISTO", la oficiala organo de K.E.A. (Kataluna Esperanto-Asocio). Ĝi ekaperis en aprilo de 1910!!! Pluiris sian vojon de gloro kaj fervoro - kun eminentaj kunlaborantoj, kiel la membroj de la LINGVA KOMITATO: Delfi Dalmau, Marian Solà, Jaume k. Josep Grau Casas, Sebastià Alberich,...- ĝis la nacia milito, kiu komenciĝis en 1936a, la sekvoj de tiu milito (kvardekjara diktatur-periodo) estis fatalaj ne nur por Esperanto, sed ĝenerale por ĉio kulture progresema. Tuj post la morto de la diktatoro (F.Franco) ekviglis la Kataluna E-Movado kaj reeldoniĝis ties organo "Kataluna Esperantisto", tio estis en junio 1982a, kun tre modesta formato, kiu daŭre pliboniĝis. La legantaro ankaŭ progresive kreskis ĝis atingi la aktualan nombron: preskaŭ kvar centoj! (ja tio estas akvoguto por vi, sed certe tiu eldonkvanto estas la plej granda rilate al E-revuoj, farataj en la tuta Iberia Duoninsulo). Nuntempe, ĝin redaktas kaj flegas la nelacigebla Llibert Puig. Ĝi aperas dumonate kun akurataj informoj kaj kleraj artikoloj.

La Esperantaj revuoj-bultenoj en Katalunio (Hispanio) estas sendube la plej gravaj kaj plej vaste distribuitaj el tiuj, kiuj produktiĝas ĉe ni. Sed antaŭ ilin komenti, mi diru, ke ja estas en Katalunio, kiel ĉie, la tipaj lokaj aŭ regionaj bultenoj, cirkuleroj, broŝuretoj kaj flugfolioj kiuj plej ofte nur celas informi, varbi aŭ krei etoson. Inter ili elstaras la lokaj bultenoj de "ĜIRONA ESPERO" kaj "ESPERANTO-CENTRO SABADELL", sed vi komprenos, ke mi ne parolu pri ili, konsiderante ke, tiu eldonaĵo el Sabadell redaktiĝas katalunlingve, kaj tiu el Ĝirono, "La Grilo", ĉijare ripozos favore al eldonado de tre labor- kaj mon-kostan libreton pri la historio de "Ĝirona Espero" (grupo kiu nun festis sian 75an datrevenon).

Aliflanke, estas eldonaĵoj, pri kiuj zorgas HEF (Hispana Esperanta Federàcio) aŭ aliaj organizaĵoj, kiuj ne limiĝas al la kataluna teritorio, nek al la kataluna kaj Esperanta lingvoj,... nu, pri ili mi ne recenzos.

Pri "Kata Luno", la revujo de la Kataluna Esperanto-Junularo, mi ne povas tro objektive paroli. Ĝi eldoniĝas je iom pli ol 100 ekzempleroj kaj ankaŭ dumonate. Ĝia plej rimarkinda eco estas, ke ĝi ne parolas nur pri Esperanto (kiel plej granda parto de la E-revuaro), sed, ke per Esperanto tuŝas ĉion, de la prezo de la fazeolo ĝis la homekzistaj demandoj! En "Kata Luno" oni ne hezitas trakti tiklajn aferojn kiel amon kaj pacon.

Arnau TORRAS

---

"TEKINTET", NOVA GAZETO DE HEA

La realo pruvis, ke nuntempe en Hungario rekta propagando por Esperanto estas ne la plej efika varbrimedo. La estraro analizis la staton de "Világ és Nyelv" kaj decidis pri nova gazeto, kiu malpli rekte, sed pli efike propagandus por Esperanto. "Tekintet" estas dumonata revuo (sed verdire ĝi estos monata en la resta parto de la jaro, ĉar ĝi volas aperigi ĉiujn ses numerojn). Ĝi okupiĝas pri kulturaj aferoj, precipe pri literaturo. La formato ŝanĝiĝas al A/5, la paĝnumero altiĝas ĝis 88, la prezo estas 12,- Ft.

La ĉefredaktoro estas Szilveszter Ördögh, rekonata hungara verkisto. La ĉefa celo de la gazeto estas aperigi la temon Esperanto en la centro de la spirita vivo.

NOVA UNUHORA

RADIO-ELSENDO DE

RADIO POLONIA

La 3an de majo 1988 okazis ŝanĝo en la radio-programo de Radio Polonia: Ekde tiu tago oni komencis elsendi unuhoran disaŭdigon, de la 5a ĝis la 6a horo matene (laŭ Universala-Tempo, ĉiutage). La ĝisnuna duonhora elsendo je la 19.30a horo ĉesas, kaj la ceteraj duonhoraj elsendoj restas (je la 11a, 15.30a, 16.30a kaj 21.30a horoj laŭ Universala Tempo).

La frekvencoj de la nova unuhora matena disaŭdigo: 7270, 6135 kaj 5995 kHz (mallongaj ondoj) kaj 1503 kHz (meza ondo). Petu pluajn informojn ĉe: Radio Polonia, Esperanto-Redakcio, Box 46, PL 00-950 Warszawa.

## "MONDO KAJ NI"-NOVA TITOLO DE UNO KAJ NI

La estraro de Universala Esperanto-Asocio decidis pliamplek-sigi la temaron de la bulteno "UN kaj ni". La nova decido celas la plivastigon de la gamo de la temoj al la mondo ekster UN. Tial la titolo de la bulteno devas ŝanĝiĝi.

La n-ro 48 estas la fina numero de"UN kaj ni". La nova bulteno aperos sub la titolo "Mondo kaj ni". La abonantoj de "UN kaj ni" aŭtomate ricevos la novan "Mondo kaj ni". La abontarifo de la nova bulteno restas la sama kiel por "UN kaj ni". Same la redaktantino. Ŝi petas la legantaron kunlabori per la liverado de informoj rilataj al eksteraj rilatoj, i.a. al la parlamenta agado. Kunlaboro de legantoj estos esenca en la nova bulteno. Eldonas ĝin - Komisiono pri Eksteraj Rilatoj de UEA, Redaktoro - Ďusink-Nagata Akiko, Nederlando kaj administras: Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

## DEKLARO PRI HOMRAJTOJ - 40-JARA

En 1948-12-10 la Ĝenerala Asembleo de UNO akceptis kaj proklamis la Universalan Deklaron pri Homrajtoj. Ni citu la por ni koncernajn paragrafojn.

Paragrafo 1. Ĉiuj homoj estas denaske liberaj kaj egalaj laŭ digno kaj rajtoj.

Paragrafo 2. Ĉiuj rajtoj kaj liberecoj difinitaj en ĉi tiu Deklaro validas same por ĉiuj homoj, sen ia ajn diferencigo, ĉu laŭ raso, haŭtkoloro, sekso, lingvo, religio, politika aŭ alia opinio, nacia aŭ socia deveno, posedaĵoj, naskiĝo aŭ alia stato.

Paragrafo 19. Ĉiu havas la rajton je libereco de opinio kaj esprimado; ĉi tiu rajto enkluzas la liberecon havi opiniojn sen intervenoj de aliaj,kaj la rajton peti, ricevi kaj havigi informojn kaj ideojn per iuajn rimedo kaj senkonsidere pri la landolimoj. La paragrafo 19, jam antaŭ 40 jaroj, tuŝis la rajton je komunikado, la rajton informi kaj informiĝi.

## LAŬDAJ VORTOJ PRI TEĴA KAJ "IĴ"

En Bulgario aperas trian jaron en bulgara lingvo propaganda bulteno "Informacia Esperanto", belaspekta, grandformata, 24-paĝa, kun kovrilpaĝoj! La bulteno estas belaspekta, riĉe ilustrita! Ĝi estas eldono de Bulgara E-Asocio kaj redaktata de nia kolego Slavĉo Davidov.

Inter la multaj informoj, artikcloj ktp. en la n-ro 2-3/1988 sur la tuta 17-a paĝo estas skribite: Ni prezentas al vi la jubileanton "Internacia Ĵurnalisto", organo de TEĴA. La aŭtoro Slavĉo Ĥristov rakontas kiamaniere komencis aperi la organo de TEĴA, mencias liajn malnovajn kunlaborantojn kaj ke Iv.Ker.Esperov estas ĝia fondinto kaj senŝanĝa ĉefredaktoro. Estas presita ankaŭ dekstre-supre la fotografaĵo de la estraro de TEĴA, farita dum la UEA-kongreso en Varsovio 1987.

Konklude, fine, oni skribas: "Esperanto kiel lingvo kaj movado eniris en la duan sian jarcenton. Kaj kune kun ĝi ankaŭ la organo de TEĴA. Ni bondeziras novajn ankoraŭ pli signifajn sukcesojn al "Internacia Ĵurnalisto"!

GDREA proponas:

Internacia seminario "Sojle al la dua jarcento: Esperanto - lingvo kaj parolantaro. Kion konservi, kion ŝanĝi?", 5. - 10. decembro 1988 en Ahrenshoop/GDR

La pitoreska kuraca vilaĝo Ahrenshoop troviĝas rekte ĉe la Balta Maro, oriente de Rostock. La seminario kostas 250 markojn (plena pensiono kaj programo sub bonegaj kondiĉoj).

Alventago: 5.12.88, reveturo: 10.12.88.

Petu informilon de: Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR, Otto-Nuschke-Str. 1, Berlin DDR-1080.

---